**aklam-i** Beifall spenden, (pol.) durch Zuruf wählen

**aklimatiz-i** akklimatisieren, an ein Klima. eine Umgebung gewöhnen

**akoli-o** (med.) Acholie, Mangel an Galle

**akompani** begleiten

**akont-e** (komerc.) á Conto, auf laufende Rechnung

**akrocefal-a** spitzköpfig, --o --kopf (anat.)

**akrocefal-o** (bird.) Schilfrohrsänger (Acrocephalus)

**akromat-a** (opt.) a. malkromata, nekromata, keinen Farbrand bildend

**akromatopsi-a** achromatopsisch, völlig farbenblind, --o --blindheit

**akropol-o** Akropolis, hochliegende Burg altgriech. Städte

**akroter-o** (ark.) Akroterium, Zieraufsatz auf (Tempel-) Giebeln

**akrup-i** sich hinhocken, auf die Hinterbeine setzen

**aks-o** Achse, **--olagro --lager; po--a ŝarĝo** --druck, --last

**aksiom-o** Axiom, Grundwahrheit

**aksolotl-o** Axolatl, eine Art Wassermolch

**aksung-o** (med.) (farm.) Schmalz (für Salben)

**aktin-aj** radioj, aktinische, photographisch wirksame Strahlen

**aktinomik-o** Strahlenpilz (Actinomyces); --ozo (med.) Aktinomykose, --krankheit

**aktinot-o** (min.) Strahlstein

**akupunktur-i** (med.) akupunktieren, durch Nadelstiche behandeln

**akustik-o** Akustik, Lehre vom Schall

zu **adapti;** --ilo Adapter, Anpassungsstück, (el.) Zwischen-sockel--stecker

**adeni-o** Lympfdrüse; --to Adenitis, --entzündung

**adher-i** adhärieren, anhaften

**adhezi-o** (fiz.) Adhäsion

**adjudic-i** (jur.) adjudizieren, zuerkennen

**administr-i** verwalten

zu **admon-i,** lit-o, ted--o Gardinenpredigt; re--o 5. Buch Moses

**admiralitat-o** Admiralität, Marineleitung

**adob-o** Adobe, luftgetrockneter Ziegel, Klunker

**adolesk-a** mannbar, heranwachsen; --i heranwachsen, im Jünglings-, Jungfrauenalter stehen; --antino Jungmädchen, Backfisch

**adolt-a** adult, geschlechtsreife

**adonid-o** (bot.) Adonisröschen, Teufelsauge, Bluttröpfchen (Adonis); dz. Frühlings- printempa, Herbst- aŭtuna --o (vernalis autumnalis)

**adonis-o** Adonis, schöner Jüngling

**ador-i** verehren

**adrenalin-o** Adrenalin, Hormon der Nebenniere

zu **adres-o;** kaŝ--o Deckadresse

**adventiv-a** Adventiv-, Neben- : --folio --blatt, --kratero --krater, --radiko

**aer-o** Luft, dz. --opbatiko Kunstfliegerei; --odinamiko Aerodinamik; --ofobi-a luftscheu; --odromo Flugplatz; --oforo Atemgerät für Taucher; --oframo Flugzeugkörper; gramo Luftpostbrief; --ologio Aerologie, Kunde von den Luftschichten; --ometro Luftdruckmesser kp. manometro; --o statik-o Aerostatik; --ostat-o Luftballon; --ilit-o Meteorstein

**afazi-o** (med.) Aphasie, nervöse Unfähigkeit, geordnet zu sprechen

**afiks-o** (gram.) Wortbildungssilbe, dz. prefikso kaj sufikso

**afin-a** (al) (kem., geom.) affin, verwand, parallel--

**afoni-o** (med.) Aphonie, Stimmlosigkeit

**afodi-o** Dungkäfer (Aphodium)

**afrikans-a** lingvo Afrikaans, (früher) Kapländisch

**afrikat-o** (gram.) Verschlußlaut kiel pf, c, l, ch, ĉ, ĝ

**ag-i** handeln, --ofaktoro Leistungsfaktor; -ofrukto --ergebnis; --opunkto (fiz.) Angriffspunkt

**aga-o** (türkischer) Aufseher, Befehlshaber, Offizier

zu **agarik-o** Blätterpilz; bulb--o Knollen; dolĉ-o echter Reizker; kamp--o Champignon, muŝ--o Fliegenpilz, panter--o Panther--

**agat-o** (min.) Achat

**agav-o** Agave (Agave); --ovino --wein, Pulque

**agent-o** Agent

**agerat-o** Leberbalsam (Ageratum)

**agit-i** agitieren; 2. aufregen, wühlen, hetzen; --vorto Schlagwort; --frazo ähnl. slogano s. d.

**agl-o** Adler (Aquila); dz. Fisch-- fiŝ--; (A. haliaëtus); Meer-- mar-o (A. albicilla); tuf--o Schopf-- (Spizaëtus); --ofiliko --farn (Pteris); --oŝtono Adlerstein a. aetito; --o - a. krifiŝo --fisch (Sciaena aquila)

**agloporit-o** (chem.) (Agloporit), Material zu modernem Leichtbaustoff

**aglomer-o** aglomerieren, zusammenbacken

**aglutin-i** (tr.) (gram.) agglutinieren, Wörter bilden durch Zusammenfügen selbständiger Wortteile

**agnat-a** väterlicherseits verwandt

**Agnosticism-o** Agnoçtizismus, Unerkennbarkeit des Übersinnlichen, philos. idealistische Lehre

**agnostik-a** agnostisch, die Möglichkeit wirklicher Erkenntnisse verneinend

**agonistik-o** (sp.) Agonistik, Wettkampfwesen

**agrafi-a** mit Agraphie behaftet, unfähig, richtig zu schreiben

**agoni-o** Todeskampf

**agraf-o** Agraffe, Spange, Schnalle, (chir.) Klammer; --ilo Büroklammer; --ingo, --hoketo Sicherungsdorn einer . . .

**agramatism-o** (med.) Agrammatismus, Unfähigkeit, richtige Sätze zu bilden

**agrokulturej-o,** popola, staatliche Landwirtschaft

**agrosinap-o** Ackersenf (Sinapis arvensis)

**agroteknik-o** Bodenbearbeitungstechnik

**ajsti-aj lingvoj** baltischer Zweig der indogerman. Sprachen, dz. Litauisch, Lettisch und Altpreußisch

**akademi-o** Akademie

**akantolin-o** Stech-, Stachel- oder Sandnelke (Acantholimon)

**akcel-i** beschleunigen, fördern

**akcident-o** 1. Unfall 2. zufälliges Ereignis

**akil-a tendeno** Achillesferse, --sehne, verwundbare Stelle

**akile-o** Garbe (Achillea) : saniga --o Heilgarbe (A. Ptarmica); arĝent--o Silber-- (A. argentea); oro--o Goldgarbe (A. filipendula)

**akir-i** erwerben, anschaffen

(Fortsetzung von Seite 14)

**Achtung alle ... vor** mian estimon (respekton) al;

**ad acta etwas ... legen** formeti ion en la keston de forgeso; formeti ion ĝis la grekaj kalendoj; formeti ion en arĥivon;

**Adam den alten ... ablegen** demeti de si la antikvan Adamon;

**Ader zur ... lassen** eltiri sangon; skarifiki; **er hat keine ... von seinem Vater** li estas tute malsimila al; **keine ... zu etwas haben** ne havi talenton (kapablon, emon, inklinon);

**ahn/en wenn ich das geahnt hätte** se mi scius, kie mi falos. mi tien metus tapiŝon!

**ähnlich das sieht ihm ganz ...** el tio mi tute rekonas lin; tio estas tipa (karakteriza) por li;

**Ahnung keine ... haben von** scii tute nenion pri; **er hat keine blasse ...** li havas nek scion nek supozon;

**Air sich ein ... geben** afekti gravecon; fanfaroni;

**Akte zu den ...n legen** enfakigi; meti al la aktoj;

**Aktion in ... treten** ekagi;

**Akzent mit fremdem ... sprechen** per fremda prononco (akcento);

**alle ... sein** esti elĉerp- (konsum-)ita; **für ... Zeiten** por ĉiam kaj eterne; **... beide** ambaŭ; **er kommt ... zwei Tage** post po du tagoj; ĉiun duan tagon; **... paar Schritte** post po kelke da paŝoj; **etwas ... machen** konsumi; **bei ...dem** malgraŭ ĉio ĉi; **das ist ...s** jen ĉio; **mein Ein und ...s** mia ĉio; mia vivo; **...s in ...m** entute; resume; por ĉion diri; **vor ...m** precipe; prefere; antaŭ ĉio; **ein für ...mal** definitive;

**allein schon ... der Gedanke** jam la nura penso; **einzig und ...** ununura;

**allerhand das ist ja ...!** tio estas tro multe postulata!; tio estas bela impertinentaĵo!;

**alles das ist ...** jen ĉio; **da ist ... dran** kun ĉiuj apartenaĵoj; **... geht vorüber** kio komenciĝis, tio ankaŭ finiĝos; **das geht mir über ...** tion mi preferas al ĉio alia;

**als nichts ...** nenio krom; nenio alia ol; **... ob** kvazaŭ; **sobald ...** tuj kiam; **sowohl ... auch** tiel ... kiel; kaj ... kaj; **viele Gründe, ... da sind:** multaj kaŭzoj, ekzemple; **um so mehr ...** tiom pli ĉar; **nicht ... ob ich zweifelte** ne ĉar mi dubas;

**also na ...!** do, vi vidas!; do, kiel mi diris!;

**alt ... und jung** junuloj kaj maljunuloj; **...e Bude** domaĉo; **die ...en Griechen** antikvuloj; **von ...ers her** de longe; de praa tempo; **wie ... bist du?** kian aĝon vi havas?;

**Alter im ... von** en la vivdaŭro (aĝo) de; **... schützt vor Torheit nicht** griza barbo saĝon ne atestas; **er ist im reifen ...** li estas en matura aĝo;

**Amboß zwischen ... und Hammer sein** esti inter amboso kaj martelo;

**ambulant in ...er Behandlung** en ambulatoria kuraco;

**Amen sicher wie das ... in der Kirche** certaĵo kaj leĝo, kiel „amen" en preĝo; certe kiel duoble du kvar;

**Ammenmärchen das sind ja ...** tio ja estas fabeloj por infanoj! belaj rakontoj el trans la montoj;

**Amt Auswärtiges ...** ministrejo por eksterlandaj aferoj; **in ... und Würden** en digna ofico; **in ein ... einführen** instali oficiston; **von ...swegen** oficiale; **das ist nicht deines ...es** tio ne estas via afero (tasko); **ich tue, was meines ...es ist** mi agas laŭ mia ofico (devo);

**an** **es ist ... dem** estas vere; **... einem Teller Suppe habe ich genug** por mi sufiĉas;

**anbauen** **sich ...** konstrui loĝdomon;

**anbinden** **kurz angebunden** bruska; lakona;

**anbohren** **j—n um etwas ...** sondi iun; provi el iu eltiri (monon);

**anbringen** **diese Worte sind hier nicht angebracht** ne sur ĝusta loko;

**andere** **einmal übers ...** ree kaj ree; **zum ...n** due; plie; krome; **die ...n** la ceteraj; **unter ...m** interalie; inter aliaĵoj; **das ist was ...s** tio estas alia afero; **einen Tag um den ...n** ĉiun duan tagon; **am ...n Tage** en la sekvanta tago; **jemand ...s** iu alia; er **schließt von sich auf ...** li mezuras aliajn laŭ sia mezurilo;

**anfangen** **damit kann ich nichts ...** tion mi ne povas utiligi; per tio mi povas fari nenion; **was fangen wir nun an?** kion nun fari?; **mit ihm ist nichts anzufangen** li taŭgas por nenio;

**anfassen** **j—n hart ...** maldorloti;

**Anforderung** **...en stellen** trudi postulojn;

**angehen** **...der Fünfziger** homo komencinta la kvinan jardekon; **das geht mich nichts an** tio ne tuŝas min; mi staras ekstere; mi flanke sidis, mi ne aŭdis nek vidis;

**Angelegenheit** **sich um seine eigenen ...en kümmern** zorgi pri siaj propraj aferoj; ŝovi sian nazon en proprajn aferojn;

**Angriff** **in ... nehmen** komenci; **zum ... übergehen** fari atakon; fari ofensivon;

**Angst** **in ...schweiß ausbrechen** ŝviti pro -o; **... und Bange machen** timigi; **... und Bange** en granda timo; **in Tausend Ängsten** sidi kiel muso sub balailo;

**anklammern** **sich an etwas ...** alkroĉiĝi (al);

**Anklang** **... finden** plaĉi; sukcesi; esti favore akceptata;

**ankommen** **es kommt alles darauf an, daß** ĉio dependas de tio, ke; **es kommt mir schwer an** nur malfacile mi povas decidigi . . . i; **da kommst du bei ihm schön an** tiel vi trovos malbonan akcepton ĉe li; **es kommt mir viel darauf an, daß** estas grave por mi, ke; mi precipe intencas; **es kommt ihm garnicht darauf an** li tute malatentas;

**ankreiden** **j—n etwas ...** fari al iu aplaŭdon sur la vangon;

**anlassen** **sich gut ...** esti esperiga; prosperi;

**anlegen** **es darauf ...** prepari la aferon tiel, ke; **das Essen legt bei ihm gut an** grasigas lin;

**annehmen** **sich einer Sache ...** zorgi pri; sin okupi pri; interesiĝi por; **der Stoff nimmt kein Wasser an** forpuŝas akvon; **der Stoff nimmt die Farbe gut an** bone tinkturiĝas;

**Anordnung** **eine ... treffen** fari disponon pri;

**anrechnen** **diesen Dienst rechne ich dir hoch an** tiu servo min multe ŝuldigas al vi;

**anrichten** **es ist angerichtet** la tablo estas preta;

**Anschauung** **durch eigene ...** per propra (okul-)vido;

**Anschein** **es hat den ..., als ob** ŝajnas ke; **sich den ... geben** ŝajnigi; afekti;

**Anschlag** **mit in ... bringen** enkalkuli; **einen Wert zu hoch ...en** supertaksi; **sein Leben nicht hoch ...** ne alte taksi; **schwer angeschlagen** forte trafita: **das schlägt bei ihm nicht an** tio glitas de li kiel pizo de muro;

*Erich Kästner*

# *Ĉarma vespero*

Invitoj estas terura afero. Por la gastoj. La gastiganto almenaŭ scias, kiu venos en la domon kaj kio sur la tablon. Kontraŭe al mi, li scias, ke sinjorino Ruckteschel, mia najbarino je la maldekstra flanko, estas surda, sed tro vanta por konfesi ĉi tiun malgrandan malperfektaĵon. Kaj kion celas lia edzino, kiam ŝi, en malfrua horo, venas en la ĉambron kun la printempa ĉapelo de sinjorino Sendewein kaj flutas: „Ĉarma ĉapeleto, karulino mia! Do surmetu ĝin, por ke ni vidu, kiel ĝi aspektigas vin!", nu, kion ŝi celas, scias ankaŭ nur la gastiganto. La gastoj nur povas supozi ĝin. Kaj ekiri.

Ho, kiom bele estas sencele promeni, ne invitite de iu, tra la vesperaj vendejstratoj, ie konsumi porkogambaĵon kaj iom da biero kaj, maksimume, babili kun fremda homo pri la nova benzinprezo! Sed invitoj? Ne. Por tio la vivo estas tro mallonga.

Ekzemple ni prenu la inviton ĉe la geedzoj Burmester. Antaŭ tri semajnoj. Ĉarmaj homoj. Kleraj, akceptemaj por ĉio okazanta en la mondo, ŝatantoj de familia muzikado, nenio kontraŭ la geedzoj Burmester. Kaj ni sciis, kiu venos krom ni. Thorn, la eldonisto, kun lia edzino, do malnovaj konatoj. Ni estis akurataj. La „Martini" estis tiom nedolĉa, kiom tia trinkaĵo nur povas esti. Thorn rakontis kelkajn spritaĵojn, nek tro malnovajn, nek tro novajn, bonete digesteblajn. Lonjo rigardis min, kvazaŭ ŝi volus diri: „Kial vi nur estas kontraŭ invitoj?" Jes. Kaj poste la pordo salte malfermiĝis. Hundo enpaŝis. Ĝi devis klini sin. Tiom granda ĝi estis. Dana dogo, kiel ni eksciis. Lonjo pensis: „La amikoj de miaj amikoj estas ankaŭ miaj amikoj", kaj volis mankaresi la beston. Tiu mordintence ekfermis la dentojn klaksone. Kvazaŭ pendseruro. Bonŝance iomete neekzakte. „Estu singardaj!" diris la dommastro. „Neniuokaze mankaresi! Al D-ro Riemer tio preskaŭege estus kostinta dikfingron antaŭ nelonge. La hundo estas dresita kontraŭ viroj." Sinjorino Thorn, sidanta sur la sofo, diris palpebrumante: „Sed do ne kontraŭ virinoj." Ĉe tio ŝi, iom sintrude, ŝajnis esti farinta mangeston, ĉar jam la dogo, elegante kvazaŭ Hanoverana dresita ĉevalo, saltis per unu salto transverse tra la ĉambro kaj surteriĝis sur sinjorino Thorn kaj la sofo, ke ambaŭ krakis en ĉiuj kunkudroj. Sinjoro kaj sinjorino Burmester alrapidis por helpo, ĝemegante trenis sian karulon en la ĉambromezon kaj tenere riproĉis ĝin. Poste la gastiganto ĉenis la beston karan per mallonga ĉeno farita el ŝtalringoj. Ni singarde plenspiris.

Poste oni sciigis, ke la manĝo povas komenciĝi. Ni paŝis en la apudĉambron, en konvena distanco post la hundo, kiun sinjoro Burmester kondukis per la ĉeno. La supon oni povis manĝi sen ĝeno. Ĉar la dommastro ne ĝin manĝis. Kiam la kotletoj kun la florbrasiko en holanda saŭco estis surtabligataj, tio ŝanĝiĝis. Oni ne povas manĝi bovidkotleton firmtenante danan dogon. „Ne timu", diris sinjoro Burmester. „La besto estas dormema kaj tuj kunvolviĝos. Nur pri unu mi petas, — neniuj fortaj ekmovoj!" Ni manĝis kvazaŭ musetoj. Alpremante la orelojn. Apenaŭ kuraĝante maĉi. Tenante la kubutojn tute proksime ĉe la korpo. Sed la besto tute ne estis jam laca. Ĝi flares-

ploris nin de poste. Tre malrapide. Tre funde. Poste ĝi haltis apud mi kaj metis sian humide gajan muzelon en mian florbrasikon. La geedzoj Burmester elkore ridis, vokis pro freŝa telero, kaj mi demandis, kie oni povas lavi siajn manojn. Kiam, kelkajn minutojn poste, mi volis reiri el la lavejo en la manĝoĉambron, murmuregis en la koridoro. Tre murmuregis. Per tia murmurego anonciĝadas alikaze pli grandaj tertremoj. Mi do restis en la lavejo kaj rigardis la tualetaĵojn de la geedzoj Burmester. Kiam, post pliaj dek minutoj, mi denove volis klinke malfermi la pordon, ree murmuregis. Nu bone. Mi restis. Kombis min. Provis, kiel mi aspektas kun maldekstra hardislimo. Kun dekstra hardislimo. Brosis spireton da hargrasaĵo en la hararon. Post duona horo sinjoro Burmester frapis ĉe la pordo kaj demandis, ĉu mi ne fartas bone. „Certe, certe, sed via hundo ne ellasas min!“ mi kriis mallaŭte. Sinjoro Burmester ridis sian freŝan, sinceran ridon virecan. Poste li diris: „Je tiu ĉi pordo la besto estas precipe avida. Pro la rompŝtelistoj. Kiel konate, rompŝtelistoj preferas la lavejojn por engrimpi. Kial, neniu homo scias, sed estas tiel. Venu, Cesaro!“ Cesaro ne venis! Neniukondiĉe. Anstataŭ tio venis sinjorino Burmester. Kaj Lonjo. Kaj la geedzoj Thorn. „Vi kompatindulo!“ kriis sinjorino Thorn. „La fruktsalato estis ĉiela!“ „Ĉu mi rakontu al vi la plej novan spritaĵon?“ demandis Thorn. Ŝajnis, ke nun, post kiam la hundo estis koncentriĝinta al mi, li havis plej bonan humoron. Kaj mi? Mi eĉ ne respondis. Sed ekverkis soneton. Krajonon mi ĉiam kunhavas. Papero ankaŭ ĉeestis.

Intertempe sinjoro Burmester sciigis al mi, ke li volas telefoni al la hundodresisto. Iam li frapis kaj diris, ke la viro bedaŭrinde estas en malsanulejo. Ĉu poste li ankoraŭfoje frapis, mi ne scias. Mi grimpis tra la fenestro bedaŭrinde iomete mallarĝa kaj situanta alte, saltis en la ĝardenon, tordis al mi la maldekstran piedon kaj lamis hejmen. Ĝis kiam mi trovis taksion. Monon mi kunhavis. Sed ne ŝlosilojn. Se mi antaŭe estus sciinta, kio venus, mi estus surmetinta la mantelon, kiam mi iris en la lavejon. Tiel mi sidis finfine, ekstreme amariĝinte, sur nia ĝardenmuro kaj havigis al mi nazkataron. Kiam Lonjo veture alvenis kun miaj ĉapelo, ombrelo kaj mantelo, ŝi esplore rigardis min iomete zorge kaj mirigite. „Nu, nu“, ŝi eldiris. „De kiam vi do havas hardislimon?“ Kiel dirite, invitoj estas terura afero. Mi lamas ankoraŭ hodiaŭ.

*Tradukis:*
*D-ro Karl Schulze, Berlin*

---

**Gratulojn al la geedzoj de Waldowski**

*Margarete kaj Walter de Waldowski apartenas al tiuj esperantistoj en GDR, kiuj ne nur parole sed vere kaj el plena koro, kun admirinda laboremo agas por kaj per Esperanto. 1969 estis por ambaŭ la jubilea jaro de ilia 50-jara esperantisteco. CLR, kaj certe ĉiuj esperantistoj, kiuj konas tiun simpatian paron, elkore gratulas al ili dezirante ankoraŭ multajn sanajn kaj feliĉajn jarojn. Tion ni speciale esprimas al sinjorino de Waldowski, kiu festis la 1. 12. 1969 sian 80 naskiĝtagon.* CLR

**Al ĉiuj niaj gelegantoj feliĉan kaj sukcesplenan 1970!**

# RECENZETOJ

## La redakcio ricevis

**Por la paco,** IX, Moskvo 1968, 84 ofsetpresita kun ilustraĵoj. La IX-a kajero de la interesa kaj multenhava serio el Moskvo prezentas gravajn dokumentojn pri la konstruo de la komunismo en Sovetunio, raportas pri kosmo-flugoj de la sojus-ŝipoj kaj konatigas la leganton kun valoraj beletraĵoj el la soveta kaj rusa literaturoj. Menciindas la verkaĵetoj okaze la datrevenoj de *Maxim Gorkij* („Kanto pri Ŝtormobirdo"), *Turgenjev* kaj *Aliŝer Navoi*. Sed same ne mankas ŝako, distro kaj la ĉarma kanzono „Katjuŝa" kun notoj.

**Arkadij Gajdar-Du noveloj,** Moskvo 1969, 94 paĝoj, ofsetpresita kaj ilustrita. Arkadij Gajdar estas unu el la plej elstaraj verkistoj de soveta literaturo. Gajdar speciale verkis por infanoj. Famiĝis liaj rakontoj *„R. W. S."*, *„Ĉuk kaj Gek"* kaj *„Timur" kaj sia taĉmento"*. La kajero enhavas la du unue menciitajn rakontojn. „R. W. S." rakontas pri travivaĵoj de sovetaj geknaboj dum la milito kontraŭ la invadintoj (dudekaj jaroj). „Ĉuk kaj Gek" estas ĉarma rakonto pri la bubruzaĵoj de du knabetoj.
Ambaŭ broŝuroj eldoniĝis ĉe *SOD, Esperanto-Komisiono, Moskvo, K-9, prosp. Kalinina 14*

**Latva poezio 1945—1966,** eld. ĉe „Zvaigzue", Riga 1968, 70 pĝ.
La kajereto enhavas poemkolekton de 22 latvaj verkistoj postmilitaj. Ili donas interesan superrigardon pri la moderna latva liriko.

**Tra Soveta Ukrainio,** *Presbulteno de Ukraina Societo de Amikeco kaj kulturaj rilatoj kun eksterlandoj, Kiev 1969.*
La Esperanto-Komisiono de la supre menciita societo eldonas ek de 1969 regule gazetinforman bultenon en la ukraina, rusa, angla, franca kaj esperanta lingvoj. Estas aldonitaj bonkvalitaj gazetfotoj, eĉ koloraj.
La esperanto-eldono estas zorge redaktita kaj enhavas gravajn materialojn. Speciale bonvena estas la nro 2—3, kiu prezentas multe da materialo pri Lenin. La „Literatura aldono" al tiu numero enhavas same rakontojn, poemojn, noveleltiraĵojn kaj aliajn materialojn pri Lenin, vere bonvena prepare al la solenaĵoj de la 100-a naskiĝdato de la granda gvidanto de la monda proletaro. La bultenoj aperas ĉe *Esperanto-Komisiono de UTDKZ, Kiev 21, Kirova 32, Sovetunio.*

**Fervoja Terminareto Esperanta-Hungara/Hungara-Esperanta,** Budapest 1968, eld. Fervojista Fako de Hungara Esperanto Asocio, 142 pĝ. La verketo estas valora kontribuo al la evoluo kaj fikso de la fervoja faklingvo en esperanto.

—e

# RECENZO

## Gorki über Lenin

**M. Gorki „V. I. Lenin", Moskau 1969, 50 S., 4 Fotoseiten**

Wer könnte wohl besser und treffender über Lenin schreiben als Maxim Gorki, den jahrzehntelange Freundschaft mit ihm verband und der es so vorzüglich verstand, Mencharaktere lebensnah zu schildern. Gorki selbst schrieb, daß das Verhalten W. I. Lenins zu ihm, das Verhalten eines strengen Lehrers und eines guten „sorgsamen Freundes" war. Er hatte die Möglichkeit, das Tun und Lassen Lenins unter den verschiedensten Umständen und in den Beziehungen zu verschiedenen Menschen zu beobachten. Besonders hervorzuheben sind die Seiten in der Broschüre „M. Gorki über W. I. Lenin", die der Verfasser in seinen Erinnerungen dem V. Parteitag, den Begegnungen mit Lenin auf der Insel Kapri und dem der Großen Oktoberrevolution unmittelbar folgenden Zeitabschnitt gewidmet hat.

Zwar hat das Büchlein keinen großen Umfang, jedoch bieten seine Seiten eine klare und anschauliche Beschreibung der Persönlichkeit Lenins als sorgsamen und aufmerksamen, durch die Jahre hindurch weit vorausschauenden Menschen und klugen Führer des Weltproletariats.

Man kann der Kommission für Internationale Beziehungen und nicht zuletzt den Übersetzern zur Herausgabe dieser bedeutenden Schrift gratulieren und ihnen Dank sagen. Sie ist ein wichtiger Beitrag zur Würdigung Lenins aus Anlaß seines 100. Geburtstages am 22. April 1970. Das Studium der Schrift ist allen Esperantisten zu empfehlen. es wird den Lesern in allen Ländern den großen Führer des Weltproletariats als Menschen näherbringen.

## Gorkij pri Lenin

Kiu do pli bone kaj pli trafe ol Maksim Gorkij povus skribi pri Lenin? Li tiel bonege kapablis skizi homajn karakterojn kaj dum jardekoj jam amikis kun Lenin. Gorkij mem skribis, ke rilato de V. I. Lenin al li estis rilato de severa instruanto kaj de bona „zorgema amiko". Li havis la eblecon observi la agadon de Lenin en plej diversaj cirkonstancoj, en interrilatoj kun diversaj homoj. Precipe rimarkindaj estas la paĝoj de la broŝuro, kiujn la aŭtoro dediĉis al la V-a kongreso de la partio, al la renkontiĝoj sur insulo Kapri kaj al la epoko, sekvinta tuj post la Granda Oktobra Revolucio.

La libreto estas neampleksa, tamen sur ĝiaj paĝoj klare kaj bildige skziĝas la individueco de Lenin kiel zorgema kaj atentema, tra la jaroj malproksime antaŭen vidanta homo kaj saĝa gvidanto de la monda proletaro.

Gratulon kaj dankon pro la eldono de la grava libreto al la Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj kaj al la tradukintoj. La libreto estas inda kontribuo al la omaĝado de Lenin okaze de la 100-a naskiĝtago la 22-an de aprilo 1970. Rekomendiĝas al ĉiulanda esperantistaro la legado de la libreto tial, ĉar ĝi bone taŭgas konatigi al legantoj la pure homajn ecojn de la gvidanto de tutmonda proletaro.

*R. Zimmermann*

# ESPERANTO-POŜTSTAMPOJ (VII)

**Italio** (daŭrigo de nro 34/35)

| | | |
|---|---|---|
| 1958 | Palermo | 29a nacia Esperanto-kongreso |
| 1959 | Firenze | 30a nacia Esperanto-kongreso |
| 1960 | Cortina | 31a nacio Esperanto-kongreso |
| 1961 | San Remo | 32a nacia Esperanto-kongreso |
| 1968 | Montecatini | 39a nacia Esperanto-kongreso |

**Jugoslavio**

| | | |
|---|---|---|
| 1951 | Ljubljana | 15a nacia Esperanto-kongreso |
| 1953 | Zagreb | 38a Universala Kongreso (ve/ni) |
| 1955 | Beograd | Jezik Esperanto |
| 1955 | Sarajevo | Jezik Esperanto |
| 1955 | Sarajevo | 16a nacia Esperanto-kongreso |
| 1956 | Beograd | 29a SAT-kongreso |
| 1957 | Rijeka | 9a IFEF-kongreso (ve/ni) |
| 1958 | Novi Sad | 17a nacia Esperanto-kongreso |
| 1960 | Beograd | Jezik Esperanto |
| 1962 | Primošten | Int. Esperanto-kampadejo |
| 1962 | Novi Sad | 40 God Esperanto Rustva |
| 1963 | Primošten | Int. Esperanto-kampadejo |
| 1964 | Rijeka | 18 nacia Esperanto-kongreso |
| **1964** | **Zagreb** | **10 jaroj fervojista Esperanto-societo** |
| 1965 | Primošten | 5 jaroj Esperanto-kampadejo |
| 1966 | Šibenik | 30 jaroj Esperanto-societo |
| 1967 | Pula | Esperanto kaj turismo |
| 1967 | Novi Sad | INEKSCASOFILA |

**Nederlando**

| | | |
|---|---|---|
| 1931 | Amsterdam | 11a SAT-kongreso |
| 1936 | Gravenhage | 25a FLEa kongreso |
| 1937 | Hago | 19a IKUE-kongreso |
| 1937 | Arnhem | Esperanto-domo (ankaŭ 38/39) |
| 1940 | Amsterdam | Jubilea nacia Esperanto-kongreso |
| 1947 | Heerlen | 28a FLE-kongreso |
| 1948 | Amsterdam | 21a SAT-kongreso |
| 1951 | Amsterdam | Jubilea Esperanto-kongreso |
| 1954 | Haarlem | 39a Universala Kongreso |
| 1962 | Amsterdam | Esperanto 75 jaar |
| | kaj en Gravenhage, | Haarlem, Rotterdam |
| 1964 | Den Haag | 49a Universala Kongreso |
| 1968 | Utrecht | E-de int. taal |
| 1968 | Utrecht | 41a SAT-kongreso |

*R. Burmeister*

# Bezirkstreffen der Esperantisten in Karl-Marx-Stadt

Der Vorbereitung des 20. Jahrestages der Gründung der Deutschen Demokratischen Republik diente das diesjährige Bezirkstreffen der Esperantofreunde in Karl-Marx-Stadt (12.–14. 9. 1969). 110 Teilnehmer aus der DDR und Gäste aus Polen, Ungarn, Bulgarien und Vietnam genossen die Gastfreundschaft der Karl-Marx-Städter.

Ein straffes Programm füllte die drei Tage. Am Freitagabend zeigten einige anwesende Bundesfreunde ausgewählte Dia-Kollektionen. Außerdem war Gelegenheit zu zwangloser Unterhaltung und zum Bekanntschaftmachen gegeben. Für die Übernachtung standen Zimmer im Studentenwohnheim der Technischen Hochschule zur Verfügung. Am Sonnabend erfolgte um 10 Uhr in der HO-Gaststätte „Heimat" die offizielle Eröffnung des Bezirkstreffens mit Grußworten des Vorsitzenden des BAK Karl-Marx-Stadt, *Bundesfreund E. Würker*, des Sekretärs des ZAK, Bundesfreund *D. Blanke* sowie der ausländischen Gäste. Anschließend sprach der stellvertretende Vorsitzende des ZAK, Bundesfreund *W. Vildebrand* zum Thema *„Erfolge und Aufgaben der Esperantisten im 20. Jahr der DDR"* und D. Blanke über *„Geschichte der internationalen Sprachen und Schriften"*. Beide Vorträge waren sehr interessant und regten eine Fülle von Gesprächen an.

Außerdem referierte Bundesfreund Blanke über *„Argumentation zu Fragen der internationalen Sprache"*.

Der Nachmittag brachte ein Novum für DDR-Veranstaltungen: es fand ein Rednerwettbewerb mit vorgegebenen Themen statt. Die Jury sprach den 1. Preis einem jungen Karl-Marx-Städter, *Wilfried Hofmann*, zu („Mein schönstes Ferienerlebnis im sozialistischen Ausland"). Den 2. Preis erhielt der polnische Freund *St. Rynduch* (gleiches Thema) und den 3. Preis Bundesfreund *W. Haupt* (Farbfotografie — mein Hobby"). Derartige Wettbewerbe fördern die Sprechfähigkeit und sind interessant, sie sollten Schule machen.

Am späten Nachmittag führten die Karl-Marx-Städter ihre Gäste ins Naherholungszentrum „Pelzmühle", das in zahlreichen NAW-Einsätzen ausgebaut wurde. In der Zwischenzeit waren im Tagungslokal die Tische festlich gedeckt worden und die Freunde aus Wroclaw, das *Esperanto-Musikensemble „MUZILO"* hatten ihre Instrumente aufgebaut. Nach dem Abendessen wurden einige Mitarbeiter des BAK für ihre hervorragende Arbeit mit Urkunden und Blumen geehrt, sowie mit dem Bildband „Werk der Millionen — 20 Jahre DDR". Zu ihnen gehörte auch das Übersetzerkollektiv der 240seitigen Broschüre „GDR — faktoj kaj bildoj", die in 20 000 Exemplaren hinaus in die Welt geht.

Danach überreichten die polnischen Freunde einen musikalischen Geburtstagsstrauß zum 20. Jahrestag, mit Schlagern und Chansons in Polnisch und Esperanto. Es durfte auch getanzt werden. Heiße Köpfe gab es beim Lösen einer Quiz-Aufgabe über die DDR und ihre sozialistischen Nachbarländer.

Am Sonntag fand ein Forum für alle Teilnehmer statt. Zum Thema

## El la distriktoj

*„Die DDR im Blickpunkt der Welt"* sprachen Genosse *Manfred Fiedler*, 1. Bezirkssekretär des Deutschen Kulturbundes, Bundesfreund *D. Blanke*, Sekretär des ZAK, sowie Dipl. phil. *Hans Heinel*. Gerade in diesem Jahr konnte die DDR international einige sehr schöne Erfolge auch auf dem Gebiet der Esperantoarbeit aufweisen. Erinnert sei an den Erfolg der MEM-Delegation auf dem Weltfriedenstreffen, das eindrucksvolle Auftreten der kleinen DDR-Delegation auf dem UK in Helsinki, die Veröffentlichung der Broschüre „GDR, faktoj kaj bildoj" sowie die Solidaritätsaktionen. Beifall brauste auch in Karl-Marx-Stadt auf, als zwei vietnamesische Studenten die Unterstützung ihres Volkes durch die DDR würdigten. Die Anwesenden brachten durch einen Vietnambasar und eine Spendenaktion über 400 Mark für das *Krankenhaus Viet-Duc* in Hanoi auf. Resolutionen an die Esperantofreunde in Vietnam sowie an die Verhandlungsdelegation Vietnams in Paris versicherten dem vietnamesischen Volk unsere tiefempfundene Hochachtung, Freundschaft und Solidarität.

Anschließend gab es noch eine recht niveauvolle Diskussion zur Verbesserung der Esperantoarbeit, in der klar herausgestellt wurde, daß Esperanto nur dann Nutzen bringen und Erfolg haben kann, wenn es für fortschrittliche gesellschaftliche Ziele eingesetzt wird.

Das Bezirkstreffen kann als ein ausgezeichneter Beitrag der Karl-Marx-Städter Esperantofreunde zum 20. Jahrestag gewertet werden und trotz einiger unausbleiblicher geringfügiger Pannen als Modellbeispiel für ähnliche Veranstaltungen anderer Bezirke dienen.

*L. Heinze*

**Urbgvidantoj**

La ligoamikoj *Elsa Gruhle* kaj *Erich Löwe* el Leipzig sukcese ekzameniĝis kiel urbogvidantoj. Ni gratulas al ili pro tiu sukceso kaj esperas, ke ankaŭ eksterlandaj esperantistoj petos ilian servon. CLR

**Hungara Esperanto-filmo pruntebla**

La esperantistoj el Leipzig ricevis donace de la Hungara Esperanto Asocio esperantlingvan filmon pri fonto, konstruita de diversnaciaj esperantistoj antaŭ la dua mondmilito. La faŝitoj ĝin detruis. Ĝi estis rekonstruita okaze de la 51-a Universala Kongreso en Budapest. La filmo havas daŭron de 30 minutoj.

**Informiloj distriktaj**

La Distriktaj Esperanto-Laborrondoj Rostock kaj Leipzig eldonas regule informilojn por la esperantistoj de tiuj distriktoj. Ili enhavas la monatajn programojn kaj sciindaĵojn pri la laboro de la esperantistoj en la distriktoj kaj ekster ili.

La 27-an de Oktobro mortis en aĝo de 85 laborriĉaj jaroj la meritplena laborista esperantisto

**REINHOLD VOIGT**

el Leipzig.

La elmondiĝinto estis unu el la plej aktivaj LEA-anoj de Leipzig, kiu aktive partoprenis la klasbatalon pere de Esperanto. Ni honormemoros lin.

*Distrikta Laborrondo Leipzig*
*CLR*

## Junulara komisiono de CLR kunvenis

La 23-an de aŭgusto 1969 la Junulara Komisiono de CLR okupiĝis pri la necesa pliboniĝo de la junulara esperanto-laboro en niaj grupoj. Rezulte de tiu kunveno la Junulara Komisiono proponas jenajn paŝojn:

1. En ĉiu distrikta laborrondo de Esperanto oni okupiĝu serioze pri la problemoj de la junulara laboro. Estu ŝarĝota unu kamarado pri la junulara laboro en la distrikto. Li havu personan kontakton kun la Centra Laborrondo (k-do Hans Eichhorn).
2. En GDR ne ekzistas generacia problemo. Tial ne povas temi pri ekstergrupa junulara laboro, izolite de la jam ekzistantaj grupoj. Oni malkaŝe kaj kritike devas esplori la kaŭzojn por la mankhava kunlaboro inter junuloj kaj pliaĝuloj. Fruktodona kunlaboro inter ili devas esti la celo.
3. Estas proponite, ke minimume ĉiumonate okazu en la grupo speciala „Junulara Vespero", kiu pli rilatas al la junulaj interesoj. Oni povus organizi, kaj kompreneble ne nur por junuloj, ekzemple vesperojn dediĉitajn al „Esperanto kaj muziko", „Amiklandaj vesperoj kun muziko kaj vino" (kompreneble ankaŭ danco). Ekskursoj al la socialismaj landoj per Jugendtourist kaj en kunlaboro kun FDJ certe trovos interesulojn. Kiu grupo komencos kun Esperanto-kabaredo? Kaj kie oni fondos muzikteamon? Tiaj modeloj ekzistas (ekzemple en Pollando), sed bedaŭrinde ankoraŭ ne ĉe ni.
4. Tre grava estas la amika kunlaboro kun junulaj grupoj el la socialismaj landoj. Ne estas malfacile aranĝi interŝanĝe kelktagajn ekskursojn. Komencoj tieldirekte kun la polaj amikoj montriĝis tre taŭgaj en Karl-Marx-Stadt.
5. La kunlaboro por la aranĝo de nia junulara paĝo ankoraŭ ne kontentigas. Skribu viajn sugestojn kaj-ankau interesajn artikolojn Sendu amase da kontribuaĵoj, kaj ni havos pluan paĝon je nia dispono. Sed agu, ni petas, finfine.

---

### Disputo

*Fiere la edzo deklaris:*
*La kapo estas mi!*
*Nur mia volo destinu —*
*aŭskultu sen iluzi'!*

*Sed mi la kolo estas —*
*tre milda la voĉa son':*
*Mi turnos la kapon ĉiam*
*laŭ emo kaj mia bezon' ...*

*R. Zimmermann, Dresden*

# DISTRO



## SILABA ENIGMO

A, AD, BU, BO, CE, CI, DI, DO, FI, GA, HA, KA, KO, KO, KA, LO, LO, LO, LE, MI, MO, MO, MA, MO, NO, NO, NO, NO, NI, NU, O, PA, RE, RA, RA, RO, RO, RU, RI, RI, TO, TO, TRO, VE, VI, ZE,

*Formu per la sekvaj silaboj jenajn vortojn:*

**Horizontale:** 1. Loko por ŝipoj; 3. Malbonega sociala stato; 6. Fera stango sur kiu ruliĝas veturiloj; 7. Malmoliĝinta haŭto; 9. Diversforma ringo kun movebla pinglo por fiksi zonon; 10. Kurbo, kiun sekvas pafaĵo dum sia iro; 12. Manĝebla ruĝa radiko; 13. Kemia nomo de azoto (Mallongigo); 15. Rektlinia elsendaĵo el fonto de lumo (R); 16. Akiri, atingi, gajni; 18. Armea estro; 21. Serio de muziknotoj; 23. membro adepto; 24. Distancomezuro egala je 852 m; 25. Ne kontraŭstari al io; 26. Instigo per parolo al ago aŭ devo.

**Vertikale:** 1. aro de edzinoj apartenanta al unu viro; 2. Forta tuko en kiun blovas la vento por movi ŝipon; 4. Speco de bovo (Afriko kaj Azio) (R); 5. Franca arkitektura kaj ornama stilo; 7. Unuo de mezurpezo, uzata por perloj kaj diamantoj; 8. Elstara parto de organo; 10. Ridiga imito de serioza verko; 11. Grimpanta arbeto kun tubformaj agrable odorantaj floroj; 12. Amata, alte ŝatata; 14. Per serĉado aŭ okazo renkonti iun aŭ ion; 16. Planto el kies grajnoj oni ekstraktas laksigan oleon; 17. Frandaĵo; 19. Malmorala; 20. Dipatrino; 22. Ligna aŭ ŝtona digo (R); 24. Vorto, per kiu oni signas iun aŭ ion.

---

R = nur radiko

---

**Solvo de la krucvortenigmo n-ro 34/35**

**Horizontala:** 1. inko; 3. kiam; 5. amo; 7. azilo; 8. enuo; 10. ad; 11. luk'; 12. ovo; 13. erco; 16. ol; 17. ikono; 19. unu; 20. orel'; 21. sofo.

**Vertikala:** 1. intelekto; 2. oazo; 3. kolo; 4. mandolino; 6. mi; 7. aŭkci'; 9. nur; 10. avo; 14. okul'; 15. anus'; 18. on.

**Sufiĉe**

En vendejo amanto demandas vendiston: Ĉu vi havas bildan poŝtkarton kun ĉi tia surskribo: „Al mia unika amatino'?“ Vendisto: „Jes, ni havas, sinjoro.“ Amanto: „Tiam mi petas du dekkduojn.“

# INFORMOJ

## Interlinguistischer Vortrag — Interlingvistika prelego en la Humboldt-Universitato de Berlin

Am 20. Oktober 1969 fand im Forschungsseminar Methodik des Fremdsprachenunterrichts, Sektion Philologien/Germanistik der Humboldt-Universität zu Berlin ein interlinguistischer Vortrag statt, der unter dem Thema „Der Beitrag des Esperanto zur Entwicklung einer Plansprache" statt. Referent war Herr Dr. Till Dahlenburg, Lehrer an der Erweiterten Oberschule in Brüel, Bezirk Schwerin.

Dr. Dahlenburg skizzierte in seinem Vortrag die linguistischen und methodischen Wege, die bei den Versuchen zur Schaffung einer Pasigraphie (Weltsinnschrift) und Plansprache seit dem Mittelalter beschritten wurden.

Esperanto wurde als das einzige Projekt einer Plansprache skizziert von bis zur Gegenwart ca. 1000 Versuchen, das sich zur ausdrucksfähigen Sprache entwickeln konnte.

Der Referent stellte an gut ausgewählten Beispielen einige Charakteristika des Esperanto dar (Wortbildung, Morphologie). Die von den Wissenschaftlern gestellten Fragen ließen deutlich werden, daß man dem Esperanto ein immer größeres wissenschaftliches Interesse entgegenbringt.

La 24-an de oktobro okazis interlingvistika prelego enkadre de la esplor-seminario por metodiko de fremdlingva instruado, sekcio filologioj/germanistiko de la Humboldt-Universitato Berlin. La temo de la prelego estis „La kontribuo de Esperanto por la evoluigo de planlingvo". Preleginto estis s-ro dro Till Dahlenburg, instruisto ĉe la abitura lernejo en Brüel, distrikto Schwerin.

Dro Dahlenburg skizis en sia prelego la lingvistikajn kaj metodikajn vojojn, kiuj estis sekvataj ĉe la provoj al la kreo de pazigrafio (monda nociskribo) kaj planlingvo ek de la mezepoko. Esperanto estis prezentita kiel la sola projekto de planlingvo, el inter la ĉirkaŭ 1000 provoj ĝis la nuntempo, kiu evoluis al esprimkapabla lingvo.

La preleginto prezentis per bone elektitaj ekzemploj kelkajn karakterizaĵojn de Esperanto (vortformigo, morfologio). La starigitaj demandoj flanke de la sciencistoj videbligis, ke oni rilatas al Esperanto kun pli kaj pli granda intereso.

*—e*

---

### Biblioteko de IEMW uzebla por ĉiuj eŭropaj esperantistoj

Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno pruntedonas pere de Aŭstria Nacia Biblioteko (Österreichische Nationalbibliothek, Josefplatz 1, A—1014 Wien) librojn kaj jarkolektojn de gazetoj. Ĉiu eŭropa esperantisto povas en iu granda publika biblioteko en sia urbo mendi presaĵojn el nia biblioteko pere de Aŭstria Nacia Biblioteko. Nepre oni skribu sur la mendilo, ke la verko troviĝas en Internacia Esperanto-Muzeo (Internationales Esperanto-Museum).

# INFORMOJ

**Postkongresa renkontiĝo en Leningrad**

La plej multe vizitita ekskurso post la 54-a Universala Kongreso estis tiu al Leningrado. Ĉirkaŭ 300 kongresintoj el 20 landoj pasigis en la fama revolucia urbo kune kun 200 sovetaj esperantistoj el 10 respublikoj post la 2-a de aŭgusto 1969 kelkajn interesajn tagojn. Mastroj de la programo estis la leningrada sekcio de la Sovetlanda Unuiĝo de la Amikec-societoj kun alilandoj kaj la Leningrada Esperanto-klubo. Elstaris la granda amika renkontiĝo, la 5-an de aŭgusto, en la Domo de Amikeco kaj Paco. La ĉeestantojn salutis la estrarano de la Leningrada Packomitato kaj estro de la Esperantista Komisiono, docento prof. S. N. PODKAMINER kaj la prezidanto de la Leningrada Esperanto-klubo G. W. TETERIN. Oni substrekis en la alparoloj la signifon de paco kaj amikeco en la tuta mondo kiel ĉefa kondiĉo por la Esperanto-movado kaj pri nepre bezonata aktiva batalo por tio. Plue estis montritaj kino-filmo pri la 900 taga sieĝo de Leningrado dum la lasta mondmilito, sonigita esperantlingve, kaj eta kolorfilmo „Leningrado hodiaŭ".
Krome oni abunde ekskursis al la famekonataj riĉaj muzeoj de Leningrado, aranĝis veturojn ekster la urbon, vizitis la lulilon de la Oktobra Revolucio Smolnij kaj la kabineton de Lenin en ĝi. Entute — vere amikaj renkontoj kaj impresriĉaj postkongresaj tagoj.

*(Laŭ informoj el Leningrado)*

**Ukraina literaturo en esperanto**

Eldonejo „Iskusstvo" (Belarto) en Kiev pretigas por la presado en Esperanto la „Antologion de ukraina literaturo", en ĝi estas elektitaj versaĵoj de Taras Ŝevĉenko.

**Esperantistoj — Naturamikoj**

La 2-a Internacia Renkontiĝo de Esperantistoj — Naturamikoj okazis la 14-an ĝis 24-an de julio en Abaliget, Hungario. La renkontiĝon partoprenis 69 naturamikoj el 7 landoj. La programo akcentis la naturamikan karakteron. Ekskursoj, perpiedaj kaj aŭtobusaj al rigardindaj lokoj, sep lingvaj studhoroj kaj prelegoj turismaj peris al ĉiuj partoprenintoj belajn travivaĵojn. La 3-a renkontiĝo okazos la 18-an ĝis 28-an de julio 1970 en Abaliget, proksime de Pecs (Mecsek-Montaro). Informojn kaj invitilojn ĉe Esperanto Organiza Komitato de JREN, Pecs, 1. pf. 2 aŭ ĉe Josef Toka, Abaliget.

**MEM-kunveno en Miedzygorze**

En la kadro de la V-a Internacia Esperantista Feriado en Miedzygorze/Pollando, kiun partoprenis ĉijare pli ol 300 esperantitoj el 12 landoj, estis organizita MEM-kunveno. Ĝi okazis la 17-an de septembro en la ripozdomo „Gigant". La pacamikoj *Bronja Krautforst, Aleksy Lasinksi* (ambaŭ Pollando) kaj *Helmut Fuchs* (GDR) faris paroladojn akcentante la progresivajn strebadojn de MEM. Estas planite okazigi ĉiujare MEM-kunvenon dum la Internacia Feriado en Miedzygorze.

**Pentras infanoj de la mondo**

Laŭ la iniciato de la esperantistoj el Barnaul la urba komitato de Komsomol aranĝis internacian ekspozicion de infanaj desegnaĵoj. Ĝi estis instalita en la regiona muzeo de plastika arto de Barnaul. Alvenis pli ol 1000 desegnaĵoj el 18 landoj de la mondo.

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

Zdravko L. Velikov, **Pleven,** str. P. Beron interesiĝas pri ŝtata admin. turismo kaj komerco de GDR.

Teknikisto deziras fakan korespondon en Espo rusa aŭ germana lingvoj. Hristo Manolov, str. L. Karavelov 22, **Polski Trambeŝ,** Bulgario.

## ČSSR

Esperanto-Rondeto SZK **Bučovice** aranĝos letervesperon la 30-an de marto 1970. Bonvolu sendi al ni ĉiuspecan Esperanto-materialon por planota ekspozicieto kaj korespondproponojn. Respondo certa.

## GDR

Junulino deziras korespondi kun eksterlandaj geamikoj. Gabriele Schultz, 684 **Pößneck,** Saalfelder Str. 49.

## Grandbritio

Junaj esperantisto el Britio dez. koresp. Georg Henry Taylor. 42 Cave St. Beverley Rel. **Hull,** East Yorkshire.

## Hungario

Serĉas korespondon:
Fraŭlino: Eva Indy, 32 j. oficistino, **Budapeŝt XIII.** Forgách utca 32. 5/a.
Fraŭlino: Marika Danyi, 20 j. aĝa fotoamatoro. **Tapiószecsö.**

Fraŭlino: Agnes Horváth, botanikistino, 19 j. **Budapeŝt VI.** Bajcsy Zsilinszky u. 49. III-e.

Fraŭlino: Eva Juhász, entomologo, 19 j. **Budapeŝt IV.** Ujpeŝt. Kinizsi utca 32.

## Japanio

Japanaj esperantistoj dez. koresp. kun GDR-anoj. Skribu al Ĉuro-Esperanto-Ligo, 2-8-18-Mimamiazabu, Minato-ku, **Tokio.**

Agrikulturo kaj komerco, kooperativismo, pri tio dez. koresp. Sindo Seitaro, Daido Kagaku Bil. 16, Suehiroĉo, 530 **Osaka-Kitaku.**

## Soveta Unio

Laboristo, 18 jara, dez. koresp. kun germ. amikoj kaj aliaj landoj pri esp. junul. mov. kol. pm, pk, insignojn, gramofondisk., esperantaĵojn. Vladimir Sopoĵnikov, **Barnaul,** str. Gluŝkova 20-1.
Studento serĉas koresp. kun GDR-esp. kol bk. Alik Melnikov, **Rostov Don,** Seĉenova 8, kv. 46.

Soveta klubo dez. koresp. kun esperantistoj de ŝtataj altlernejoj. Skribu al Vadim A. Maliĥin, **Tula-8.** poŝtkesto 10 (Esperanto).

Studentino, 18 jara, dez. koresp. pri muziko, en rusa, angla kaj esp. Sofia Kuklinskaja, **Zaporojje-2,** str. Jukovskogo 81 kv. 5, Ukrainio.

## Svedio

50 jara, sola sveda laboristo dez. koresp. S-ro Karlo Myrberg, Poste restante, **40310 Göteborg 2.**

Sveda esperantistino volas havi seriozan korespondanton en Sovetunio, 25—45 jara. Scias iomete la rusan lingvon. Soile Amelin, Tengdahlsgatan 21 VI, **11641 Stockholm.**

---

**Korekto:**

„der esperantist" 32/33, paĝo 33: La 26a Hispana Esperanto kongreso 1965 ne okazis en Valencia sed en Palencia.

---

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 225991.

Verantwortl. Redakteur: Eugen Menger. Redaktionskommission: Otto Bäßler, Detlev Blanke, Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand.

Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DRR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. - Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 1071